# La LAMPIRO

45-a jaro n-ro 109 majo-aŭgusto 2004


## Esperanto ankaŭ vivas en Extrema, MG



# La LAMPIRO

45a jaro n-ro 109 majo-aŭgusto 2004

Oficiala Organo de
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo,
senpaga por membroj de EASP

**Redaktoro**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 6091-9420

**Revizantoj**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**redaktcio:**
Rua Faustolo, 124
05041-000 - São Paulo - SP
**retpoŝto** jmcoelho@uol.com.br

brazila abontarifo por 2004: R$ 10,00
eksterlanda abontarifo por 2004: US$ 5,00
unuopa ekzemplero R$ 5,00

*La redakcio ne respondecas*
*pri la subskribitaj artikoloj*


---



**Membro-kategorioj** (monate)

| | | |
|---|---|---|
| Kat. 1 | (Simpla membro) | R$ 10,00 |
| Kat. 2 | (Kunlaboranta Membro) | R$ 12,00 |
| Kat. 3 | (Helpanta Membro) | R$ 17,00 |
| Kat. 4 | (Subtenanta Membro) | R$ 22,00 |

| | |
|---|---|
| Jara antaŭpago: | 15% rabate |
| Sesmonata antaŭpago: | 10% rabate |

**Deĵorado**: de lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 18-a horo.

# Enhavo



## 57-a Esperanto-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo

**Dato: 12/09/2004**

**Loko: Guaratinguetá/ SP**




**Kovrilo**

Esp-o evento en la urbo Extrema, Minas Gerais, la 25an de aprilo 2004.

# Esperanto kaj Ni

*Marija Pozder Almada*
marija@uol.com.br

Nuntempe la tuta Mondo troviĝas en krizo, kaj la homaro sentas la pezon de la memfaritaj malfacilaĵoj. Nenie estas paco nek komprenemo, nur timo kaj necerteco regas. Ĉiuj klamas por paco, sed ĉiuj okazigas malordon. Ŝajnas, ke regas sur nia moderna Mondo, tempesto.

La Esperanto-movado estas universala kaj ni esperantistoj scias tion kaj eĉ fieras pro tio, sed estas malfacile elteni la premon, kiu pezas sur nia modesta Movado. La samajn krizojn sentis jam niaj pioniroj, kiuj kondukis la Movadon tra la I-a kaj la II-a Mondmilitoj. Eble eĉ pli danĝere estis agadi, ĉar la cirkonstancoj estis aliaj, eble pli danĝeraj estis ol la nunaj estas. Nia Majstro Zamenhof, bone sciis kaj sentis tion, sed ne perdis la kuraĝon, eĉ kuraĝigis siajn sekvantojn , ke kuraĝe aktivu plie. Antaŭ cent jaroj okazis tio kaj malgraŭ la malfacilaĵoj la lingvo disvastiĝis tra la Tuta Mondo kaj vivas.

La adeptoj, luktante kun malfacilaĵoj, fidele sekvis la Majstron, ĉar Lia ekzemplo kuraĝigis ilin. La esperanto-organizaĵo atingis viva la nuntempon kaj akiris adeptojn en la tuta Mondo. Eble ĝuste la malfacilaĵoj instigis la esperantistojn daŭrigi la batalon por atingi sukceson kaj konduki la Movadon ĝis la nuna tempo kaj transdoni la taskon por pluporti la Ideon ke ĝi iĝu vere universala lingvo kaj, ke ĉiuj akceptu ĝin, kiel la duan lingvon de la Homaro.

Ni, la nuntempaj esperantistoj havas la taskon daŭrigi kaj fortigi la Movadon, kvankam la problemoj egalas al tiuj de niaj Pioniroj. Por ke la sukceso estu plena ni devas unuiĝi. Iu jam diris, ke ni esperantistoj estas "Anĝeloj de unu sola flugilo, oni ne kapablas flugi kiam ni ĉirkaŭbrakas unuj la aliajn", male ni certe ne kapablas atingi la celon, sed ni devas venki la multajn kontraŭstarojn. Nu, ni klopodu! Kuraĝe ni marŝu antaŭen!

Inter ni estas kapablaj homoj, kiuj posedas brilajn ideojn, sed volas transdoni ilin al iu alia, por realigi ĝin. Poste senpacience atendas la rezulton de la aliaj, sed, se ĝi ne okazas ili forlasas eĉ la movadon. Ĝin la aŭtoro ne faras, kial? Provu realigi la Ideon kaj la movado dankos, certe.

Ni estas tro senpaciencaj kaj tio ne helpas. Zamenhof jam diris: "La nepoj vin benos se vi pacience eltenos" kaj pravis, liaj vortoj valoras ankaŭ al ni. Se ni unuiĝas kaj pacience klopodos, eĉ la monrimedoj ne gravas, ĉar la vera valoro estas la bona laboro kaj la intelekto ĝia. Sen laboro ni jam scias, ne eblas vivi. Nu, nia tasko estas varbi novajn anojn, ĉar la sindona klopodo de la anaro valoras pli ol mono.

Nia, poresperanta propagando, estos pli sukcesa se ni unuiĝas kaj multnombras. Nia fidela kunlaborado, certe konvinkos la homaron akcepti la lingvon, ĉar ĝi estas utila ĉie. Tiele aperos la monhelpo al la Movado, ĉar bedaŭrinde sen mono la laboro estas malfacila. Ni ne povas aperi antaŭ la interesatoj. Ni ne rajtas fuŝe agadi, sed forte unuiĝi, antaŭ ni staras fortaj obstakloj, kiujn ni devas forigi. Se Ni unuiĝas ni estas fortaj kaj aperos antaŭ la mondo, kiel utilaj, sekve ni ne forgesu ke la venko dependas de ni.

Ni agu!

# Esp-o, la Akademio kaj Esp-aj vortaroj

*Sylla Chaves*

## 1. ESPERANTO — VIVANTA, SED MALFORTIKA

Esperanto estas la sola planlingvo, kiu vere vivas kaj meritas atenton inter la vivantaj lingvoj de la Tria Jarmilo. Tio rezultas de du gravaj kvalitoj de ĝia kreinto. Pro la genieco de sia intelekto, li igis ĝin samtempe simpla, bela, riĉa, klarsona kaj fleksebla, kun radikaro internacie elektita kaj relative facile komprenata kaj memorigata. Kaj, pro la grandeco de sia animo, li frue donacis sian lingvon al la tuta homaro, permesante, ke ĝi libere vivu, kaj rifuzante iun ajn monopolon sur ĝia estonta evoluo. Kaj krome, li aldonis al ĝi celon eĉ pli gravan ol la lingvo mem, kiun oni nomas interna ideo aŭ esperantismo. Tiuj kvalitoj, kiujn nur Esperanto havas en sia tuteco, faris el ĝi la plej taŭgan lingvon por interetna komunikado kaj permesis, ke ĝi akiru fervorajn defendantojn. Kaj tial ĝi nun estas la nura planlingvo, kiu vivas — intense kaj vaste — en ĉiuj mondpartoj kaj en ĉiuj fakoj de la homa vivo.



Ĝi tamen estas malfortika, kiel infano, kaj bezonas bonan nutron kaj varton. Ĝia tutmonda komunumo konsistas el dise vivantaj homoj, por kiuj ĝi estas dua lingvo, kiun tre malmultaj parolas ĉiutage. Etnaj lingvoj evoluas per konstanta interparolo de apude vivantaj homoj. Grandaj kaj malgrandaj etnaj lingvoj evoluas facile kaj demokratece. Ĉiu etnalingvano kontribuas por la evoluo de sia lingvo - kiun li denaske parolas en sia hejmo. Li libere elektas siajn modelojn (intruistojn, verkistojn, vortaristojn ktp). La bonaj vortaristoj ĉerpas siajn artikolojn el la parolata lingvo, observante ĝian konstantan evoluadon. Kaj instruistoj kaj verkistoj konsultas vortarojn kaj observas la lingvouzadon, ricevante samtempan influon de ambaŭ flankoj.

Etnaj lingvoj havas siajn posedantojn: la komunumoj, kiuj ilin parolas denaske. Kaj la lernantoj de fremdaj etnaj lingvoj respektas tiujn komunumojn, kiuj ilin posedas. Tre malofte entruduloj proponas ŝanĝojn en fremdaj lingvoj. Kaj registaroj kaj entreprenoj preskaŭ ĉiam elektas oficialajn tradukistojn kaj redaktistojn inter la denaskaj parolantoj de la altradukata kaj redaktata lingvo. Ĉar etnaj lingvoj apartenas al etnaj grupoj ili estas maltaŭgaj por interetna komunikado. Por tutmonda uzado, kiel dua lingvo de ĉiu homo, nur unu solvo estas justa: la adopto de neŭtrala lingvo, specife konstruita por tiu celo. Sed ĝia evoluigo estas malfacila. Zamenhof bone antaŭvidis tiun malfacilaĵon kaj rimarkigis la bezonon, ke speciala institucio zorgu pri la evoluo de Esperanto, ek de kiam ĝi fariĝis ĉies posedaĵo.



## 2. AKADEMIO DE ESPERANTO KAJ LINGVA EVOLUO

En 1908 estis kreita la Lingva Komitato (kun 18 membroj), kiun en 1948 anstataŭis la Akademio de Esperanto (kun 45 membroj). La infana lingvo, kiun Zamenhof donacis al la homaro, bezonis varton. Nur bone elektita grupo el la ĉefaj lingvo-regionoj de la mondo kapablus akordigi la kreskon de la lingvo kaj

la denaskajn kvalitojn de Esperanto, kiujn mi listigis ĉi-supre. Sen konstanta zorgo, nia infana lingvo kripliĝus pro la mistrafoj de “eternaj komencantoj” kaj pro la troa inventemo de kelkaj brilaj ribeluloj. Kelkaj senpaciencaj ŝanĝemuloj decidis krei SIAJN planlingvojn, kie ili tute libere elektis SIAJN pli bonajn vortojn kaj SIAJN pli taŭgajn gramatikajn regulojn. Tion ili opiniis kaj propagandis. Pluraj projektoj aperis, sed nur du malsamaj gvidlinioj montriĝis: unu el ili mi nomos VOLAPUKA (ĝi igas Esperanton pli racia, sed malpli natura); la alian mi nomos OKCIDENTECA, ĉar ĝi alproksimigas Esperanton al unu aŭ diversaj okcidentaj lingvoj (kiel Basic English, Ido kaj Interlingua). Kelkaj el tiuj projektoj estas senpene kaj senlerne komprenataj de iu ajn poligloto. Sed ĉiuj montriĝis tro malfacilaj por ellerno. Kiam la mono de iliaj financintoj finiĝis, ĉiuj malaperis, aŭ vegetas en kelkaj librobretoj kaj sporadaj renkontiĝoj.

Ĉar la kreo de novaj planlingvoj kondukis al pluraj fiaskoj, la nunaj inventemuloj preferas proponi ŝanĝojn al Esperanto el interne. Kaj de tempo al tempo aperas proponoj ŝanĝi alfabeton, anstataŭi tradiciajn vortojn kaj modifi signifojn. Feliĉe la Akademio estas atenta kaj reagas rapide kaj efike. Bedaŭrinde ĝia agado ne estas egale rapida en la oficialigo de la novaj vortoj, kiujn postulas nia lingva evoluo. Ek de 1974, kiam estis adoptita la 8a Oficiala Aldono, la Akademio ne plu agis tiurilate. Nur antaŭ nelonge, sub la prezidanteco de Geraldo Mattos kaj la direktado de Bertilo Wennergren en la Sekcio pri la Ĝenerala Vortaro, la Akademio denove sin dediĉas al la oficialigo de novaj vortoj.

La 9a Oficiala Aldono al la Universala Vortaro jam estas prilaborata, kaj aliaj sekvos, laŭ la intencoj de tiu Sekcio. Kaj ni iam havos (ankaŭ laŭ ĝiaj intencoj) la OFICIALAN VORTARON DE LA AKADEMIO, kiu estos la bazo de la unueco de nia lingvo en la tuta mondo. Sed la interkonsento pri vortosignifoj estas nek facila nek rapida tasko por grupo de spertuloj, kiuj volas serioze ekzameni ĉiujn detalojn. Kaj pro tio la rozkolora estonto, kiun ni antaŭvidas kaj deziregas, ne venos rapide. Kaj dume la esperantistaro devas serĉi en la ekzistantaj vortaroj la solvon por siaj duboj.

### 3. ESPERANTAJ VORTAROJ

Ek de 1933, kiam aperis la PLENA VORTARO DE ESPERANTO, komenciĝis la glora periodo de SAT, kiel ĉefa direktanto de la evoluo de nia lingvo pro la malrapida agado de la Akademio. Dum oni bezonas uzi neofiocialajn vortojn pro nesufiĉo de oficialaj (nur iom pli ol 4.500), apero en la vortaroj de SAT fariĝis atesto pri uzindeco. Post PV aperis ĝia suplemento, sekvata de la PLENA ILUSTRITA VORTARO en 1970 kaj de la NOVA PIV en 2002. Kaj SAT jam komencis kolekti monon por la reeldono de NOVA PIV, korektita kaj ĝisdatigita.

Kiel stabila estas la evoluo de nia lingvo en la sinsekvaj vortaroj de SAT? Bedaŭrinde tre malmultaj esperantistoj kapablas respondi tiun gravan demandon, ĉar tre malmultaj lokaj grupoj de nia diaspora lingvo havas tiun vortar-kolekton je la dispono de siaj anoj. Kaj tial tro multaj esperantistoj konsultas nur dulingvajn vortarojn, kie signifoj ne estas klaraj, abundas mankoj kaj (eĉ pli malbone) enŝoviĝas neuzindaj vortoj kaj esprimoj. Tial mi decidis pretigi recenzon pruvante, ke la vortaroj de SAT estas nemalhaveblaj por ĉiu serioza esperantisto. Enestas eraroj, enestas mankoj (kiel okazas en ĉiuj vortaroj). Sed nur tiuj, kiuj konsultas tiujn vortarojn, povas rimarki tiujn erarojn kaj mankojn. La periodo de la reviziado de la NOVA PIV estas la plej oportuna por atentigo pri ili, kaj ni ĉiuj povas helpi. Tion mi komentos en mia recenzo. Sed ĉi tiu enkonduko jam fariĝis tro longa, kaj tial vi legos mian recenzon en la proksima numero de ĉi tiu revuo.

# Intertriba komunikado

Hans Bakker: *hansbakker@raketnet.nl*
(laŭ retmesaĝo sendita de Renato Corsetti)

## POR KE LINGVO ESTU INTERTRIBA, NE SUFIĈAS NOMI ĜIN TIA, ONI DEVAS ANKAŬ INSTRUI ĜIN!

En la mondo, kaj en Afriko, oni multe parolas pri tribismo kaj pri la malbonaj sekvoj de tribismo, kiuj interalie estas malpaco, streĉitaj rilatoj kaj eĉ malferma milito. Ni provas helpi afrikajn landojn, en la kadro de samcelaj klopodoj de Unesko, venki tribismon. Nia rimedo ŝajnas tre bona por permesi rektan interkontaktadon inter anoj de malsamaj gentoj en la koro de Afriko, kie militoj faris multajn viktimojn lastatempe. Nia projekto estas «Lingvo de paco — Ururimi rw'Amahoro». Temas pri kampanjo, kiu celas kunligi esperantistojn el la malsamaj militantaj gentoj de Burundio, Ruando kaj Orienta Kongo (la tiel nomata regiono de la grandaj lagoj), kiuj instruas Esperanton al siaj samgentanoj por organizi post unu aŭ du jaroj grandan intertriban, interetnan, kaj interlandan renkontiĝon de esperantistoj en Buĵumburo, Burundio. Instruado de Esperanto jam okazas surloke. Nun aperis instruistino preta vojaĝi tien, ne sen personaj riskoj, ĉefe por instrui Esperanton pli bone al la instruistoj. Ni devas NUR pagi la flugbileton kaj la ceterajn kunligitajn kostojn. Ni estas la Fondaĵo Espero, konto 'Lingvo de Paco' ĉe UEA, kiun vi jam multe subtenis en la pasinteco. Ni esperas, ke vi faros tion ankaŭ nun por ebligi ĉi tiun agadon. (*)





En Buĵumburo, la ĉefurbo de Burundio, estas pluraj Esperanto-kluboj. Malgraŭ la konstanta militado en la regiono ili laboras por pli bona estonteco. Ili preparas nun kunvenon de esperantistoj de malsamaj triboj/gentoj/nacioj. UEA per sia programo «Lingvo de paco» (Ururimi rw'Amahoro) subtenas ĝin, tiom, kiom tion ebligas la membroj de UEA, kiuj ... daĵo Espero/Lingvo de ... j de Burundio, gvidata ... a, B.P.150, Rumonge, ... tis En nia klubo estas ... . En nia lernejo estas ... peranta klubo estas la ... a de aprilo estis festo de la kluboj en nia lernejo kaj ĉiuj kluboj devis prepari ion. Ĉeestis multaj personoj: gepatroj, aŭtoritatoj de nia lernejo, gelernantoj. Nia klubo (Esperanto) preparis teatraĵeton en Esperanto. Dum la festo ni dancis kaj kantis. Mi ricevis la librojn kiujn vi sendis al mi (libroj «Zagreba metodo» kaj du libroj de Junulkurso kaj du kasedoj). Ili multe plaĉis al mi. Mi bezonas ankoraŭ vortaron ĉar la vortareto, kiu estas en la libroj ne estas sufiĉa. Mi ankaŭ bezonas librojn de legado por altigi mian scion en Esperanto. Ne sendu grandajn pakaĵojn ĉar la dogano multe impostas ilin. Mi baldaŭ sendos al vi la foton de du aliaj

*(Daŭrigo sur apuda paĝo)*

---

(*) Se vi sendas monon al UEA por la Fondaĵo Espero bonvolu klare mencii sur la pagilo «Fondaĵo Espero - Lingvo de Paco». Pagmanieroj estas troveblaj en Jarlibro de UEA p.33. Unu el la pagmanieroj estas: Poŝtbankkonto 37 89 64, Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam. IBAN: NL24PSTB0000378964 (kvar nuloj, ne majusklaj literoj O) SWIFT: PSTB NL21 Mencio de IBAN kaj SWIFT kodoj permesas senpagan transkontigadon en Eŭropo.

# La asterioj

*Fernando J G Marinho*

Kelkaj rakontoj estas indaj je senlima ripetado. Jen unu el tiaj pri knabo, kiu emis antaŭsavi asteriojn:

Poeto senzorge promenadis sursable, tra bela kaj dezerta plaĝo. Neatendite, li ekvidas knabon kaŭranta. Ĉirkaŭe, centoj da asterioj — pro la malaltiĝo de la tajdo — kusas sub la sunradioj. Demandita de la poeto, pri tio, kion li faras, la knabo klarigas, ke li estas remetanta ĉiun asterion en la maron, antaŭ ol la suno ilin detruos.

— Sed, junulo mia — diras la poeto — estas tiom da asterioj, ke tiu via klopodo ne okazigos eĉ la minimuman diferencon.

— Jes, tion mi scias. Tamen, por tiuj, kiujn mi antaŭsavas estas granda diferenco, respondas la knabo, sen interrompi sian laboron.

Pripensante tion pluiras la poeto. La sekvantan tagon, li denove renkontas la junulon en la sama situacio. Sen vortigi eĉ penson, krom la afabla esprimo «bonan tagon», li kaŭriĝas kaj ekpartoprenas tiun taskon, antaŭe taksitan de li kiel senutila.

Kiam mi rimarkas la klopodojn faratajn de kelkaj el niaj samideanoj por disvastigi esperanton, tuj venas al mia kapo la memoro pri tiu rakonto. Kiel oftege ili aŭdas komentojn similajn al tiuj de la poeto!: «— Sed, viaj klopodoj ne faros eĉ etan diferencon! Jam estas internacia lingvo fariĝanta deviga pro ekonomiaj kialoj. Batali kontraŭ tio estas senefike.»

Tiam, mi dirus: «— Sed, por tiuj, kiuj lernis Esperanton, la diferenco montriĝis grandega! Ili forlasis la terenon de la hipotezoj kaj konstatis, per praktikado, la taŭgecon de neŭtrala lingvo internacia. Ili eksentis sin pli utilaj al la socio, agante kiel pioniroj konstruantaj pli bonan mondon.

*«LA KLOPODOJ POSTULATAJ DE ĈIU HOMO , KIU VOLAS SINDEDIĈI AL LA LERNADO DE ESPERANTO ESTAS TIEL MALGRANDAJ, KAJ LA REZULTOJ TIEL GRANDAJ, KE NENIU RAJTAS RIFUZI LERNI ĜIN. ( Leon Tolstoj) «*

kluboj: de Rumonge kaj de Liceo Gisenyi. Kontribuojn por Fondaĵo Espero / Lingvo de paco («Ururimi rw'Amahoro») vi povas sendi al UEA, Rotterdam, per la diversaj kontoj (vidu la Jarlibron 2003 p.33) Librojn en negrandaj pakaĵoj rekte al Jérémie Sabiyumva, B.P.150, Rumonge, Burundi Hans Bakker.

# Saŭdado

*José Dias Pinto*
*jdpinto@uol.com.br*



La portugallingvanoj pret
ekskluzivecon de la esprimo s
Certe alilingvanoj ne uzas ĝu
por esprimi la saman senton.
ili ne saŭdadas en la senco, k
donas NPIV, sed certe ankaŭ il
lokoj, kiuj havis specialan sig
vivoj, kaj rememorsopiras pri ho
ili kundividis taskojn, amojn, lukto

Laŭ NPIV saŭdado estas "amara
la rememoroj kaj bedaŭroj, fontintaj el la portugala kulturo". Pri ĝi diras portugala poeto: "Delicioso pungir de acerbo espinho" (delica dolorigo per akra dorno). "Saŭdade é como que amar / alguém que foge de nós / é como querer cantar / e prender-se-nos a voz" (Saŭdadi estas kiel ami iun de ni forfuĝan; estas kiel voli kanti kaj strangoliĝi al ni la voĉo), ĝin difinas alia.

La tri difinoj kaj multaj aliaj de portugalaj verkistoj kaj poetoj pensigas, ke fakte portugallingvanoj ne kontentiĝas per la pli komunaj nostalgioj kaj rememorsopiroj. La portugala nacia kanzono, la faduo, ofte pritraktas la temon, ĉefe koncerne al frustriĝintaj amoj, kiujn oni kvazaŭ sadisme prikantas. Oni kantas ĝin ordinare kun enmemiĝe fermitaj okuloj, kvazaŭ evite al eventualaj ĉirkaŭaj ĝojoj, al eventualaj rompoj de la melankolio, kiun preskaŭ ĉiuj faduoj esprimas... iom pitoreske folklore. Ankaŭ la nacia himno estas monumento al saŭdado. Tamen spito anstataŭas la melankolion. En ĝi, je la sono de militista marŝo, oni kunvokas la portugalojn revivigi la pasintajn glorojn, oni instigas ilin preni al si armilojn kaj "por la patrio marŝi kontraŭ la kanonojn".

Oni multfoje parolas — kaj certe ne nur portugaloj — pri rememorsopiroj al homoj, lokoj, eventoj. Komprenable oni ja povas

ememori amatajn homojn kaj
roksimajn en al tempo aŭ en la
ambaŭ. Oni povas kvazaŭ
ntajn eventojn, kiuj eventuale
imple ĝojigis nin. Sed funde
ste tiujn entojn aŭ eventojn oni
piras. Ni saŭdadas nian propran
sopiras je tiu tempo en kiu ni ĝoje
per tiom malmulto; pli ol la amatojn
piras je la amo, pli ol la entuziasmajn
amikojn ni saŭdade rememoras niajn proprajn entuziasmon kaj engaĝokapablon en al ludojn de la vivo. Kaj certe ĉi tio ne estas eskluziveco de la portugaloj.

Ankaŭ la aliaj kunigas homojn, kiuj iam kunvivis, en lernejo, laborejo, armeo, sport- aŭ muzikteamo, por rememori tiujn pasintajn tempojn. Laŭsupoze ankaŭ por panse mildigi la saŭdadon, kiun oni sentas por tiuj homoj, lokoj kaj eventoj, sed certe ĉefe pri sia propra tiama kapablo kaj preteco akcepti defiojn, engaĝiĝi en idealojn, ĝui kamaradecon, amikecon, amon. Kaj certe tiuspecaj aranĝoj, datrevenoj kaj festoj ne tre diferencas inter portugaloj kaj alietnuloj.

En Maio nunjara, printempe — kiel konvenas al io reviviga — en la malgranda kaj bela portugala urbo Águeda, kunvenis la ekslernantoj de profesia lernejo funkciinta de 1927 ĝis 1960. Tie kuniĝis iom pli ol ducent veteranoj de la vivo. Oni parolis multe, oni multe fosis en la memorarkivoj, sed tute ne en la fadueca melankolia tono. Tute kontraŭe. Ĉio okazis en festa etoso kaj eĉ ne la meso kaj la vizito al la tombejo, por honori la forpasintajn ekskunlernejanojn, mildigis la ĝojon de la rerenkontiĝo kaj la rememorigon de komunaj viveroj. Eĉ en tiuj du respektindaj lokoj, subaŭskulte oni povus kapti ŝercajn aludojn al iu pipra, sprita aŭ ne tute deca

junulaĵo de unu kaj alia el tiuj laŭsupoze respektindaj, plejparte blankharaj gesinjoroj. En la preĝejo, unu el la ekskolegoj memorigis al ekskolegino ŝian edziniĝon en tiu sama preĝejo. Oni komentis, ke tiutempe ŝi estis tre ridema homo, kaj en tiu tago, eĉ dum la geedziga ceremonio, agis kvazaŭ antaŭ amuza skeĉo. "Mi estis tre nervoza", ŝi diris. Kaj aldonis, ke "la pastro severe admonis" ŝin. La memoriginto pri la afero defendis la pastron per la aserto, ke li estis lerte diplomatece persvadiva, kiam li sentigis al ŝi kaj al ĉiuj ĉeestantoj, ke "ankaŭ ride oni povas serioze rigardi la vivon", kaj flate aldonis, ke ŝi "estas bona tioatesta ekzemplo". La ekslernantino sentis sin flatata kaj feliĉa, ke iu kapablas, post tiom da jaroj, ankoraŭ memori tiajn detalojn. Kaj tion ŝi diris, kvazaŭ danke, en la ĉarma ridema maniero iama.



Poste, en la preĝeja placo, iu memorigis ke la edzo de la ridemulino, en siaj fraŭlaj tempoj, havis la kutimon maldiskrete spioni la krurojn de la virinoj, ĉefe sub balkonoj kaj ŝtuparoj. Kaj gaje kaj pipre oni menciis priajn, fojfoje ridindajn konsekvencojn.

En la tombejo iu parolis pri la vespero kiam, kaŝite inter la tomboj, unu el la kolegoj kavernece vokis preterpasantan kunlernejanon, kiu donis al siaj kruroj tre bonan ekzercon.

Antaŭ la impona sidejo de la Tribunalo, sur la larĝa ŝtuparo, por la kolektiva foto, iu memorigis la tagon en kiu, en tiu sama loko, sed antaŭ iu pli modestaspekta plurŝtupa enirejo al la tiama lernejo, lernejano haltis fronte al surŝtupe sidanta knabino kaj patose diris, alude al ŝiaj duonfermitaj kruroj: "Kaj oni diras, ke la koro ne havas krurojn; malfermu la krurojn, koro".

Alia parolis pri la "kuraĝo" de kolego interne de la lernejo, kiu estis ambaŭseksula, sed havis laŭsekse apartajn lokojn por ludoj kaj amuzoj. Por iri al kelkaj lernoĉambroj, oni preteriris la knabinan ludejon. Iam la "kuraĝulo" haltis tie kaj baldaŭ tri aŭ kvar kolegoj apudestis, rigarde al la ludado de la knabinoj. Temis pri tiutempe laŭmoda ludado per ringo, kiun iu ĵetis kaj alia kaptis, kure kaj salte. Nia kuraĝulo atentigis nin pri la ja atentotira saltado de la mamoj de unu el la junulinoj, kaj subite kuris al ŝi, prenis ŝin en la brakojn kaj, tenante ŝin enaere, faris kun ŝi kelke da turnoj. Ĉiuj stupore gapis. Same rapide kiel li komencis la aŭdacaĵon, li forlasis la lokon kaj histerie kriis en la porknaba ludejo: "Mi havis ŝiajn mamojn ĉi tie", kaj fiere montris al la pufigita brusto.

Dum la tagmanĝo, en granda kaj bela restoracio, en eksterurba kampara loko, oni daŭrigis la eksploradon de tiuspecaj arkivoj, ne nur proze, sed iufojfoje ankaŭ per naivaj versoj, oni memorigis epizodojn pri kuraĝo kaj senprudento, sprito kaj krudo, impertinento kaj ĝentlemaneco, ĉiam en la gaja tono de iu, kiu sentas sin revene al tiuj foraj tempoj en kiuj oni tiel engaĝe, entuziasme, ĝoje ĝuis la vivon. Al tiu aĝo en kiu oni ne celis respektindecon, sed jes ja la aprobon de la kolegoj, se eble ties admiron. Kaj, kompreneble, la simpation de aliseksaj kolegoj. Kaj tio certe, pli ol portugalece, sonis home.

# Sublimado

*Dua premio – Bulgario, 2001*



Neide Barros Rêgo
neidebarrosrego@terra.co

Pli facile por mi estas etendi la manojn ĝisĉiele
kaj pluki stelon
ol tuŝi vin karese
kaj senti la brilon de viaj okuloj en miaj.

Pli facile por vi estas plonĝi en la maran malhelon
kaj el ostro forpreni nigran perlon
ol meti en mian bruston, esperon
kaj en  mian fringron ringon.

Ne plu interesas al mi
astroj
aŭ ringoj
aŭ perloj
aŭ vi.

Mi  elfosis perditajn revojn,
kolektis maltrankvilojn,
kunigis dispecigitajn erojn de memoro muta
kaj ĉion ŝanĝis en versojn.

Mi kantos ĝis la fino.

# En malproksimo (Quem sabe?)

Melodio: Calos Gomes
Teksto: Bittencourt Sampaio
Traduko: Sylla Chaves

Delonge en malproksimo, kien vi lasas flugi vian penson?
Delonge en malproksimo, kien vi lasas flugi vian penson?
Mi petas, ke vi nun diru. Mi petas, ke vi nun diru:
ĉu la ĵuron, ĉu la ĵuron, ĉu la ĵuron vi forgesis?

Ĉu vi min ankoraŭ amas, same kiel mi amas vin?
Disŝiras mian animon resopiro. resopiro, karulino.

Delonge en malproksimo, kien vi lasas flugi vian penson?
Mi petas, ke vi nun diru,
ĉu la ĵuron, ĉu la ĵuron vi forgesis.

Ĉu vi min ankoraŭ amas, same kiel mi amas vin?
Disŝiras mian animon resopiro. resopiro, karulin'.

Rimarko: Sylla Chaves estas preparanta novan KD kaj en ĝi aperos tiu ĉi muziko.

---

# Esperanto en Internacia Evento

*Rogener Pavinski, Ribeirão Preto-SP*

Esperanto havos spacon en la 36a Monda Vegetarana Kongreso, okazonta en Novembro en la urbo Florianopólis-SC, Brazilo. Ĝi estas organizata de IVU (Internacia Vegetarana Unuiĝo) kaj SVB (Brazila Vegetarana Societo).

Similaj al UK-oj, ĝi okazas ĉiun duan jaron en iu loko de la mondo, kaj en ĝi partoprenas ĉirkaŭ 1.000 homoj el pluraj landoj.

Ĉi-jare unuafoje ĝi venas al Sudameriko kaj oni preparas grandiozan eventon. Kvankam la oficialaj lingvoj estas la portugala, la hispana kaj la angla, Esperanto havos spacon por disvastiĝo inter la partoprenantoj (oni planas prelegojn, lecionojn, ktp). Esperanto konkeris tiun spacon pere de rilatoj inter IVU, SBV kaj TEVA (Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio).

Estas alvokitaj kaj invititaj ĉiuj esperantistoj, vegetaranoj aŭ ne, por disvastigi la internacian lingvon kadre de tiu internacia evento, elstarigante tion, ke la vegetaranoj estas grupo favora al Esperanto. Por pliaj kontaktoj kaj informoj pri aliĝo vizitu www.svb.org.br aŭ rekte kontaktu la respondeculon Rogener Pavinski: esperanto@ivu.org

Foliumante unu el la tekoj de mia esperanta korespondado, mi trovis interesan leteron de sinjoro Ismael Gomes Braga, unu el la plej viglaj disvastigintoj de la esperanto-movado en nia lando, kiu entuziasme aplaŭdis la konstruadon de nia propra sidejo, afero pri kiu delonge mi asertas, ke ni estos fortaj, nur kiam ĉiuj brazilaj esperantistoj estos aliĝintaj al Brazila Esperanto-Ligo kaj ĉiuj esperantaj societoj posedos sian propran sidejon

Sekvas la letero de S-ro Ismael Gomes Braga.

*Osvaldo Pires de Holanda*

Rio de Janeiro GB, la 4-na de Februaro 1961.

Al S-ro Osvaldo Pires de Holanda
Ĝenerala Sekretario de Esperanta Klubo "Zamenhof"
Caixa Postal, 100 São Miguel Paulista-SP

Estimata Samideano:

Kun granda plezuro mi legas pri la nova konstruaĵo por la sidejo de nia Klubo, al kiu mi deziras la plej brilan progresadon. Iom post iom nia sidejo kreskas kaj fariĝas impona.

La kreskado de la sidejo kaj samtempe de la Klubo montras vian energian laboron kaj samtempe la oportunecon de la klopodado de novaj samideanoj, kiuj ne ŝparas penojn por la venko de nia ideo. Laŭ mia scio, nia klubo. estas la unua, kiu konstruas al si propran sidejon en la lando, kaj mi esperas, ke aliaj pli novaj imitu la ekzemplon kaj kronstruu al si domojn.

Vi eble demandas, kiel mi parolas pri nia Klubo, se mi neniel helpis por la venko de la Klubo. Ne miru. Ni estas unu sola mondarmeo kaj ĉio farata de unu apartenas egale al ĉiuj, ĉiu venko aŭ malvenko estas de la armeo, de ni ĉiuj, ne de iu aparta korpuso de la armeo. Ĉiu plej humila laboranto por la afero en iu ĉina vilaĝo aŭ en hinda kamparo, konata aŭ nekonata, venkas aŭ malvenkas kun ni ĉiuj. Ni ne estas disigeblaj parto de la tutaĵo. Je la unua fojo en la Historio la homaro laboras konscie mondskale por iu definita celo. Ni estas morale iu mondimperio plej komunisma, en kiu ĉiu laboras por ĉiu kaj ĉies venko apartenas egale al ĉiuj. La laboroj, kiujn mi faris por Esperanto antaŭ via naskiĝo apartenas egale al nia Klubo kaj la laboro farotaj de la naskotaj generacioj estas egale niaj. Ni estas do senmortemaj eroj de la homaro kaj plej malegoisme ni ĉiuj laboras por la komuna afero. Vi eble demandas: kion vi nun faras por nia klubo, se vi nomas ĝin nia? Mi respondas tute trankvile: Mi preparas novan vortaron por viaj naskotaj infanoj.

Viaj infanoj postulos vortaron pli kompletan ol tiuj, kiujn ni nun havas kaj tial mi penas plenumi ilian deziron, kiun mi povas facile diveni.

Mi preparas ankaŭ klasikan legolibron por tiuj naskotaj samideanoj. Ili bezonos ĝin por ellerni la lingvon kaj kompreni la esperantismon.

Egoisto certe sin turmentas pro envio vidante la farojn de aliaj, kiajn li mem ne povis fari; min nenia envio povas ĝeni, ĉar mi rigardas ĉion kiel nian.Ĉu eminentulo verkis bonegan libron en Esperanto, kian mi neniam povus verki? Anstataŭ envii lin, mi akceptas lian libron kiel parton de nia komuna trezoro, kiel nia laboro, ĉar li ne estus povinta verki kaj eldoni ĝin, se ne ekzistus esperantistoj en la mondo, kaj ni ĉiuj laboras por krei esperantistojn, sekve la venko apartenas al ni ĉiuj kaj lia libro ankaŭ apartenas al ni por ĉiam.

Daŭrigu vian brilan laboron kaj ne atentu la enviulojn, kiuj eble ne komprenas ankoraŭ la universalan solidarecon de niaj klopodoj.

Kun gratuloj kaj frata saluto mi restas



Iŝmael Gomes Braga
Rua Ramon Franco, 63 -Urca – Rio de Janeiro, GB

# Monda komercado per Esperanto

Fabrício Valle

Se vi alĝustiĝas al unu el la ĉi subaj situacioj, vi estas invitata enskribiĝi al la Yahoo-laborlisto per-esperanto-komerco-informoj:

a. Vi deziras gajni monon per internacia komerco, tio estas, vi volas profesie agadi sur la kampo de importado kaj eksportado, ĉu kiel makleristo ĉu kiel rekta importanto/eksportanto kaj volas adopti Esperanton kiel laborlingvon. Eventuale vi eĉ pretas fondi entreprenon de internacia komerco;
b. Kvankam vi ne volas profesie kaj ĝisfunde agadi sur la kampo de internacia komerco, vi pretas iel ajn kunlabori por efektivigi negocojn, por ekzemplo, helpante per loka kontakto kun entreprenoj esperantistojn, kiuj volas profesie agadi, aŭ plenumante aliajn taskojn farendajn, laŭ la laborprogramo starigita de la membraro de la laborlisto;
c. Vi estas komercisto (aŭ intencas baldaŭ esti) kaj eventuale interesiĝos pri importado aŭ eksportado de varoj enkadritaj en via laborkampo;
d. Vi estas estrarano de esperanto-asocio kaj vi kredas, ke internacia komerco de varoj por konsumado (vestaĵoj, ŝuoj, manĝaĵoj, parfumoj, kodiskoj, komputilaĵoj, artaĵoj,hejmaj utilaĵoj ktp ktp ktp), je malgranda skalo, povos esti bona enspezofonto por via organizaĵo.
e. Vi apartenas al la monda movado de justa komerco, kaj kredas ke Esperanto povos roli kiel unu el la laborlingvoj por via organizaĵo de justa komerco.

Nu, por enskribiĝi bonvolu sendi malplenan mesaĝon al ***(per-esperanto-komerco-informoj-subscribe@-yahoogrupos.com.br)***. Tiam vi aŭtomate ricevos demandaron, kiun vi devos plene respondi por efektivigi vian enskribiĝon al la laborlisto.

Bonvolu atenti pri du detaloj:

- Tiu grupo ne celas ĝustadire diskutadon, sed konkretan agadon. Diskutado pri strategio, teorio kaj statistikoj pri internacia komerco, prezentado de fakaj tekstoj kaj similaĵoj estas nur rimedoj por atingi la celon: evoluigi la internacian komercon per Esperanto. Do iel ajn vi devos konkrete kunlabori, ĉu kiel makleristo, ĉu komercisto, ĉu redaktanto, ĉu tradukisto, ĉu loĝistika apoganto ktp
- Tute ne estas permesata dissendo de spamo aŭ de mesaĝo ne koncernanta la celaron de la grupo.

## Fotografia konkurso pri homaj rajtoj

La Katedro UNESCO pri Homaj Rajtoj de la Universitato de la Respubliko Urugvajo anoncas fotokonkurson kun la temo “Homaj Rajtoj en la Universala Deklaro”. Limdato: la 1-a de oktobro, 2004. Por plena regularo en E-o: <ddhh@oce.edu.uy> **aŭ en la hispana, angla, portugala aŭ franca vizitu <www.rau.edu.uy/universidad/ddhh/>**

# El la Esperanta Literaturo



Grabowski (grabovski), Antoni (1857-1921). Pola inĝeniero. Poligloto, kiu posedis ĉirkaŭ 30 lingvojn. Inter li kaj Zamenhof okazis la unua Esperanta konversacio, kaj li restis intima amiko de tiu ĝis ties morto. Tre aktivis en la movado, kaj tre multe tradukis. Pro lia granda poemtraduko Sinjoro Tadeo, kiun li faris dum la Unua Mondmilito por sin konsoli dum la foresto de siaj familianoj, oni rigardis lin patro de la Esperanta poezio; li profunde influis la stilon kaj vortprovizon de la postaj poetoj, precipe tiujn de Kalocsay. Liaj ĉefaj verkoj: La Neĝa Blovado (de Puŝkin, 1888, 1898, 1971), La Gefratoj (de Goethe, 1898, 1967), Nova Jaro - Janko Muzikanto (de Prus kaj Sienkiewicz, 1891, 1967), La Liro de la Esperantistoj (redaktoro, 1893), Consilium Facultatis (de Fredo, 1909), Nova Antologio (diversaj tradukaĵoj, 1909), Mazepa (de Slowacki,1912), Halka (de Wolski-Moniuszko, 1912), El Parnaso de Popoloj (tradukitaj kaj originalaj poemoj, 1913), Pekoj de l' Infaneco (de Prus 1913), Ŝi la Tria de Sienkiewicz, (1913), Sinjoro Tadeo (de Mickiewicz, 1918, 1955), Elektitaj Versaĵoj (tradukitaj poemoj, 1921), Postrikolto (tradukitaj poemoj, 1921).

## SONORILOJ DE VESPERO

A.Grabowski 1857 – 1921

(El T. Moore)

Sonoriloj de vespero, sonoriloj de vespero!
Kiom ili rakontadas pri juneco kaj espero,
Pri la domo de gepatroj, pri la dolĉa kora ĝojo,
Kiam mi ilian sonon aŭdis je la lasta fojo!

Longe, longe jam forpasis tiuj de l'ĝojeco horoj!
Ekdorminte por eterne jam ne batas multaj koroj,
En la tomboj ili loĝas post la ĝojo kaj sufero:
Ne por ili la muziko, sonoriloj de vespero!

Ankaŭ kiam mi ripozos por eterne en trankvilo,
Ne ekhaltos la batado de vespera sonorilo,
Dum kun kanto novaj bardoj paŝos jam sur nia tero
Kaj vin aŭdos kaj vin laŭdos, sonoriloj de vespero!

El la Fundamenta Krestomatio



Kalocsay, Kálmán (1891-1976). Hungara ĉefkuracisto, esperantisto de 1911. Ĉefredaktoro de "Literatura Mondo", kaj ĉefa figuro en la tuta Esperanta poezio. Ĉefaj verkoj: Mondo kaj Koro (poemoj, 1921), Du Kokcineloj (de Gárdonyi, 1922), Kantanta Kamparo (tradukitaj popolkantoj, 1923), Johano la Brava (de Petófi, 1923, 1948), Morgaŭ Matene (de Karinthy, 1923), La Tragedio de l' Homo (de Madách, 1924, 1965), Streĉita Kordo (poemoj, 1931, 1978), Lingvo, Stilo, Formo (studoj, 1931, 1970), Rimportretoj (poemoj, 1931), Eterna Bukedo (tradukitaj poemoj, 1931), Romaj Elegioj kaj Taglibro (de Goethe, 1932), Parnasa Gvidlibro (pri versfarado, kun Waringhien, 1932, 1968), Hungara Antologio (ĉefredaktoro, 1933), Infero (de Dante, 1933, 1979), Dekdu Poetoj (redaktoro, 1934), Arthistorio (de Hek1er, 1934), Enciklopedio de Esperanto (redaktoro de la lingva fako, 1934, 1979), Plena Gramatiko de Esperanto (kun Waringhien, 1935, 1938, 1958-64, 1980), Rozinjo (de Gy. Tõrõk, 1938, 1977), Naŭ poetoj (redaktoro, 1938), Izolo (poemoj, presitaj en1939, sed eldonitaj nur en 1977), Ezopa Saĝo (verse reverkitaj fabloj, 1956, 1978), La Floroj de l' Malbono (de Baudelaire, kuntradukinto, 1957), Reĝo Lear (de Shakespeare, 19ó6), Ora Duopo (jubilea antologio kun Baghy,1966), Vojaĝo Inter la Tempoj (gramatikaj studoj, 1966), Somermeznokta Sonĝo (de Shakespeare, 1967), Kantoj kaj Romancoj (de Heine, kuntradukinto, 1969), Libero kaj Amo (de Petófi, 1970) inter aliaj.

## **LA ALBATRO** de Charles Baudelaire
Esperanta traduko de K. Kalocsay(*)

Kelkfoje, por amuzo, ŝipanoj kapt-akiras
Albatrojn, ĉi grandegajn ventbirdojn de la mar',
Kiuj, indiferentaj vojaĝkunuloj, iras
Post ŝip' glitanta super amara abismar'.

Apenaŭ ili estas metitaj ŝipoplanke,
Ĉi reĝoj de l' lazuro, mallerte kaj kun ĝen',
Grandajn flugilojn blankajn jen trenas ambaŭflanke,
Kiel remilojn pezajn, kun kompatinda pen'.

Ĉi vojaĝant' flugila inerte nun hezitas.
Ĵus nura bel', kaj nune: malbel' komika jam.
Jen, iu ĝian bekon per kurba pip' incitas,
Alia ĝin, fluginton, imitas dum la lam'.

Similas la poeto al tiu princ' de l' nuboj,
Kiu la ŝtormon ĝuas, kaj ridas je l' pafant',
Kaj kiun, tere, sube, ĉe mokrideg' de buboj,
Malhelpas iri ĝiaj flugiloj de gigant'.

* Ch. Baudelaire: La Floroj de l'Malbono. La Laguna, 1957. p.62. Fonto: Esperanto en la Moderna Mondo.

Kompilitaj de Rüdiger kaj Vilma Sindona Eichhokz Esperanto Press, Balieboro, Ontario, Kanado, KOL 1B0

# Iomete da Historio

*Genildo Martins Coelho*
*genildomcoelho@uol.com.br*

Ĝis la fino de la deknaŭa jarcento estis en la fiziko, du grandaj teorioj, nome: la Neŭtona Mekaniko kaj la Elektromagneta de Maxwell. Ambaŭ teorioj konfliktas inter si.

La Neŭtona teorio validas en la regiono de malaltaj rapidoj kaj la alia en la regiono de la ondaj fenomenoj, kie propagiĝas per la plej granda rapido konata ĝis nun(la rapido de la lumo). Neŭtono konsideras la tempon kaj la spacon absolutaj.

Dum la Neŭtona teorio obeas la "principon de la relativeco" de Galilejo, la dua ne obeas ĝin. La demando starigita estas: en kiu referenca sistemo validas la rápido "c" de la lumo? La fizikistoj elpensis la eteron (senpeza elasta substanco, kiun oni, laŭ malnoviĝinta hipotezo pri ondopropago, supozis penetranta la universon kaj funkcianta kiel substrato por elektromagnetaj ondoj, lumo ktp), kie validas tiun ĉi rapido. Sed la etero havis strangajn propecojn. La etero devas esti sufiĉe densa kaj elasta por elteni iun ajn frekvencon, sed en la sama tempo ne okazigi reziston kiam la materio pasas tra ĝin.

Por solvi la konflikton, la teorio de la relativeco de Ejnstejn rifuzas la eteron kaj per du postulatoj establis la jenon:

a) La leĝoj de la fiziko estas la samaj (egalaj) en ĉiuj inerciaj sistemoj.

b) La rapido de la lumo estas la sama por ĉiuj inerciaj observantoj en unuforma relativa movado.

Tio ĉi signifas ke la rapido de la lumo estas universa konstanto.

Inter la konsekvencoj de tiuj ĉi postulatoj estas la dilatado de la tempo kaj la malplivastigado de la spaco. Esperante ke ĉiuj komprenas, kaj utiligante nur elementan matematikon por pruvi niaj asertojn.

LA DILATADO DE LA TEMPO

Imagu ke iu pasaĝero faras eksperimenton en la trajno per luma horloĝo kaj la plafono de la trajno estas spegulo, kie reflektiĝas la lumo. Por la pasaĝero en la trajno, la fasko de lumo reflektiĝas rekte, sed la pasaĝero kiu estas en la trotuaro de la stacio, vidas ke la fasko de lumo kliniĝas per la movo de la trajno (La trajno moviĝas kun rapido v). Aplikante la teoremon de Pitagoro kaj similajn triangulojn, ni povas kalkuli la du situaciojn.




la trajno trakuras la distancon "B", tiel:

$$\frac{B}{C} = \frac{v}{c}$$

Per Pitagoro:

$A^2 + B^2 = C^2$, dividinte ĉiujn termojn per $C^2$,venas:

$$\frac{A^2}{C^2} + \frac{B^2}{C^2} = \frac{C^2}{C^2} = 1$$

$$\frac{A^2}{C^2} + \frac{B^2}{C^2} = 1$$

$$\frac{A^2}{C^2} = 1 - \frac{B^2}{C^2}$$

$$\frac{A}{C} = \sqrt{1 - \frac{B^2}{C^2}}$$

Farante la anstataŭigon, ni havas:

$$\frac{T}{T'} = \sqrt{1 - \frac{v^2}{c^2}}$$

kaj inversante:

$$\frac{T'}{T} = \frac{1}{\sqrt{1 - \frac{v^2}{C^2}}} = \gamma$$

$$T' = \gamma T$$

LA INERCIO DE LA ENERGIO

Nia starpunkto estos mensa eksperimento (gedanken experiment), tio estas, fikcia eksperimento, ne realigebla en la praktiko, elpensita de la propra Ejnstejn en 1906.

Ni supozas ke iu kvanto da energio estas ellasita ekde ekstremo de skatolo kies maso estas M kaj longeco L, kaj kiu estas izolita kaj en ripozo.

La radiado transportas iun movokvanton E/c. Ĉar la movokvanto de la sistemo restas nulo, la skatolo havigas al si movokvanton egalan al –E/c. Konsekvence la skatolo retroiras kun la rapido v, kie v estas:

$$Mv + E/c = 0$$

$$v = -E/Mc$$

M




Post iomtempa libera vojagxo ($\Delta t = L/c$), la radiado atingos la alian ekstremon de la skatolo kaj komunikas al ĝi impulson egalan kaj kontraŭan kaj tial la skatolo iras al ripozo.

$$\Delta x = v\Delta t = - EL/Mc^2$$

Ĉar la sistemo estas izolita, la maso-centro de la skatolo kune kun ĝia enhavo ne translokiĝas. Do, ni postulas konsekvence ke la radiado transportas ekivivalenton de maso “m” tiel ke:

$$mL + M\Delta x = 0$$

$$mL – MEL/Mc^2 = 0$$

$$m \cancel{L} = \cancel{M} E \cancel{L} / \cancel{M} c^2$$

$$m = E/c^2$$

$$\boxed{E = mc^2}$$

# El la historio de Esperanto

*Sube ni prezentas al niaj legantoj tekston de prelego farita de la karmemora Gilbert René Ledon, ĉe Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, dum unu el niaj kulturvesperoj. Malgraŭ ke tiu ĉi teksto jam estas disponebla en la hejma paĝo de James Rezende Piton, http://go.to/kabareto, ni decidis aperigi ĝin ĉi tie, por tiuj kiuj ne havas aliron al interreto.*

RAYMOND SCHWARTZ KAJ TIES KABAREI'OJ

La historio de Esperanto ne povas preterlasi gravan rolulon, kiu laŭ tute specifa maniero vivigis la lingvon: Raymond Schwartz. Ne temas pri aparta kulto sed pri elstarigo de sekvinda ekzemplo, ofte ne tre klare konjektita, kiun nur partoprenintoj en ŝvarcaj kabaretoj kapablas bone kompreni.

## El la vivo de Ŝvarc

Li havis la oportunon konstati persone, ke li naskiĝis sennacieca, kaj ke tiuj aferoj pri nacieco estas ridindaj kaj absurdaj. La 8-an de aprilo de 1894 li naskiĝis en teritorio regata de la germana ŝtato, sekve oni trudis al li la germanan naciecon. Li do restis germano gis la fino de la unua mondmilito. Tiam li, kiel soldato, en 1917-18 kiel leŭtenanto, defendis sian germanan patrion kontraŭ Francio. Sed post la milito, reveninte en sia vilaĝo Secourt, tiu sama vilaĝo iĝis posedaĵo de la franca ŝtato, tiel Ŝvarc iĝis franca naciano... Kaj en la dua mondmilito (en 1939) li kompreneble iĝis soldato por defendi la francan patrion kontraŭ la simila malamiko, kiu tiam estis Germanio. Estas tre facile kanpreni kial Ŝvarc iĝis fervora esperantisto, kiu nur uzis Esperanton en sia agado de intelektulo, kvankvam li perfekte regis la francan kaj germanan lingvojn.

Profesie Ŝvarc laboris kiel bankoficisto, poste li estis bankestro, kio cetere detenis lin de aniĝo al avangardaj Esperanto-organizoj kiel SAT. Tiam li kaj lia granda amiko Roger Bernard, kiu estis ĉerkovendisto, konfesis tiun amuzan situacion, de aŭtomata diskriminacio pro la sistemoj.

## La karaktero de Ŝvarc

Li lernis mem Esperanton en 1909 kaj en 1911 li partoprenis la Universalan Kongreson en Barcelono por testi la internaciecon de tiu tutmonda lingvo. Revene, en urbo Metz li fondis sian "Amikan Rondon» kiun li provis animi en la spirito de la francaj verkistoj de la fino de Mezepoko kaj komenco de Renesanco: François Villon,-Clément Marot kaj François Rabelais. Cetere li adoptas la formulon de Rabelezo = «Pli bone pri ridoj ol pri larmoj verki pro tio, ke la rido estas la propraĵo de l'homo» La personeco de Ŝvarc restis en «siaspeca spico» tra la panteono de la esperantaj beletristoj, kiel homo, kanzonisto, humuristo, romanisto kaj eĉ instruisto. Li posedis optimisman filozofion el kiu konstante fontis ironia, humura, kaj bontona senmalica satiremo... sed eventuala koleremo lia tuj senarmigis ĉiujn apud li.

Ŝvarc, kvazaŭ postulis perfektecon en la uzo de Esperanto. Verdire lia stilo kun konstantaj vortludoj, kalemburoj, aludoj, vorto-mistranĉoj aŭ kunmetadoj donis tekstojn, kiujn nebonaj regantoj de la lingvo,malfacile povus kompreni kaj ridi. Kaj lia ĉefa merito estas la verva vivigado de Esperanto sub ĉiuj formoj... post Raymond Ŝvarc neniu povas diri, ke Esperanto estas morta lingvo!

## La Kabaretoj

La granda merito de Raymond Schwartz estas kredebIe la vivigado de liaj kabaretoj.

Kio estas kabareto? Ĝi estas trinkejo aŭ vesperkunvenejo, kie poetoj kaj kanzonistoj diras siajn proprajn verkojn, aŭ estas kunveno por prezento de humura literaturo aŭ pliaj artaĵoj, en varieteo.

Tiuj kabaretoj en Parizo estis frukto de la tielnomata "Bela Epoko", tre fama estis la kanzonisto Aristide Bruant en la kabareto "Le Chat Noir", kiu humure prezentis la tiamajn politikojn aŭ pliajn okazaĵojn. Estis sub tiu inspiro ke Ŝvarc fondis la kabareton "La Verda Kato" kiu funkciis de 1920 ĝis 1926. Sub iniciato de Joseph Nels, sed kiun animis Ŝvarc, de 1932 gis 1939 ekzistis "La Bolanta Kaldrono". Post la 2-a mondmilito antaŭ la pariza kongreso de UEA en 1949,Ŝvarc ree vigligis la kabareton "La Tri Koboldoj" en strato de Montrnartre rue des Trois Frères. Tiu kabareto daŭris ĝis 1956. Mi mem partoprenis ĝin ĉiumerkrede vespere dum mia pariza vivado en 1952-1953.

Ni devas konfesi, ke ne estas facile animi, daŭre venigi ridojn en tiaj praktikadoj de Esperanto; la pruvo estas, ke oni preskau ne plu trovas (se entute oni trovas) tiajn kunvenojn en nia movado. Tamen ĉe la Tri Koboldoj la apero de elstaraj homoj, vere kapablaj, estis konstanta kaj ebligis la aplikon de la vervo de Ŝvarc. Mi ne memoras, kaj la aldonitaj subskriboj de aprilo 1954 tion atestas, pri Waringhien, Roger Bernard, Jean Thierry, Lucien Laurat, Julien Piron (ne la tro juna Claude), Barthelmess, Ivo Lapenna, S. Flego (la granda aktoro) ktp. Kampreneble Napoleono Ferrari, kiu ŝajne jam estis kreinta la vorton «krokodili» ne bezonis aperi, ĉar en la kabaretoj de Ŝvarc oni tute ne krokodilis.

Ni ne povas ĉi tie elmontri la tutan humuron kaj vervon de Ŝvarc en ties kabaretoj, kie neniu eskapis el senmalicaj primokoj, ankaŭ kiam oni alvenis iom malfrue:

Jen alvenas klient' ĉe "La Tri Koboldoj"
Jen alvenas klient' ĉe Koboldoj Tri!
Klient', klient', vi estas nun bonvenant' ,
Klient', klient', sidiĝu inter! ni.

Ĉe Ŝvarc diskriminacio ne ekzistis kaj eĉ la „povraj" blinduloj sufiĉe multnombraj en nia mondo ankaŭ ĝuis per humuro:

Jen la blindul' neniel ĉarlatan'
Li staras ĉe l' angul' kun almozpeta man' .

Ho, kamplezu lin, lin, lin, lin,
La blindulon eĉ se li ne vidas vin...

. .. Ne gravas, Sinjorin' mi certe sentos vin...

Deko, dudeko da kanzonoj ĉiumerkrede defilis en la kabareto, originalaj, tradukoj, popolkantoj ktp.

Mi serĉas fortunon
admirante la lunon
ĉiam, jes. kun esper'
en Montmartr' dum vesper' . . .

aŭ el la jam fama Maurice Chevalier traduko de Bernard

Posper ' jop la bum' !
La sinjor' de nokta dam',
Posper ' jop la bum' !
Jen la reĝ' de 1'makadam' ...

Tia estis la feliĉa homo, kiu en la sama tago iĝis kvindek-jara kaj kvindek-hara!

La Verkisto, Beletristo R. Ŝvarc

La poeziaĵoj, kalemburoj, amuzaĵoj kiujn li verkis jam aperis en verkoj:
Verdkata Testamento (el la tiama kabareto)
La Stranga Butiko , jam eldonita en 1931,
ankau poeziaĵoj el la kabaretoj:
Jen printempsezona ĝuo!
Mi admiras la naturon

Se ĝis super la genuo
Ĝi malkovras belan kruron.

En 1949 li aperigas: «La Ĝoja Podio» kie li tiel parolas pri certaj moroj (paĝo 46)

Kiam oni pensas pri certaj moroj en certaj domoj, oni emas ekkrii:
"Kiaj Gomoroj en tiaj Sodomoj". Paĝo 70, li aldonas klarigon pri UNO, t.e. organizaĵo de Ia Unuigitaj Nacioj. (Ne ridu!). Ankaŭ naivaĵon li prezentis ekzempIe (paĝo 48):

Funde de la maro
La omaro
Estas tre gentila
Sed en kaserolo
ĝia rolo
Estas pli utila.

En 1971 aperis "Vole... Novele". Temas pri noveloj skribitaj inter la jaroj 1920-1970 por Esperantaj revuoj kiel "Literatura Mondo", La Nica Literatura Revuo" kaj aliaj Britaj kaj Francaj Esperantistoj!

De 1933 ĝis 1936 "Kaperis" kajeroj por Satiro, Humuro kaj Libereco... relativa, "La Pirato" ... kiel ĉiuj scias la piratoj kaperas! Bedaurinde pro manko de batalantoj (kunlaborantoj) "La pirato" rnalaperis spite al humora aserto de Ŝvarc en la numero 23 de aprilo 1935: "La pirato ne estas necesa, sed gi tamen ekzistas".

Menciindas ĉi tie grava esperantisto, alia Raymond, kiu naskigis en 1900, ilustris "La Pirato" kaj la librojn de Ŝvarc, partoprenis multajn Kabaretojn, skribis multe kaj ĝis nun en "Laute" kvankam blinda kaj unukrura sed plene lucida; temas pri "Valo, Raymond Laval. Vidu la ilustraĵojn kun la subskribo



jam stilizita antaŭ 1930!

Ekde 1952 gis 1970 Ŝvarc kunlaboris en la jara kajero "Sennacieca Revuo" per humuroplena raporto "Laŭ mia rid-punkto", pri politikaj aŭ sociaj okazintaĵoj. Tiel li opiniis en 1957 pri iu fifama prof. Blinkenberg, kiu multe malhelpis la rezolucion de Montevideo en 1954: "... Tiam mi rememoris, ke ankau sinjoro Blinkenberg estas prof.! El kio rezultas, ke vi neniel devas honti, se vi mem ne estas prof., ĉar ja prof. Blinkenberg alportis pruvon, ke la titolo garantias nenion kaj ne protektas kontraŭ stultaĵoj.

De Ŝvarc, ni povas legi du romanojn, kompreneble en tiu stilo ofte rabeleza,ofte riĉa je priskriboj el la romanista skolo, temas pri "Anni kaj Montmartre" kaj plej laste kaj amplekse "Kiel Akvo de 1 'Rivero".

Li, laŭdire ankaŭ gvidis Esperanto-kursojn kaj eĉ ŝerce kritikis Zamenhof mem pro la troa uzo de neologismoj laŭ simplaj ekzemploj,... "haroj estas kapfadenoj, kelkfoje kaj ĝuste ankaŭ nomitaj pedikarbaro. Por kaŝi aŭ ornami la kapfadenoj oni surmetas kapkovrilon, kiu ludas ankaŭ rolon de salutaparato..."

Ŝvarc estis simpleca homo kiu spontanee kaptis la evidentaĵojn kaj tiel sin esprimas en rakonteto, "Por nenion diri" : ... "Vi ne plu havas multe da haroj, sinjoro! - Tio, evidente, signifas paroli por nenion diri, ĉar mi ne bezonis ateston de specialisto por scii, kion mi scias.

Kaj tio estas la katastrofo de la mondo, ke la homoj parolas ju pli, des malpli ili havas por diri kaj kiam ili havas multon por diri, ili silentas!"

Tiel estis Ŝvarc; antau ol iri ĉe operacitablo en 1971, li skribis la lastan antaŭparolon por eldonaĵo: Al la legontoj (kunlabore kun Rabelais)... Pli ol plor' valoras ĝoja blago ĉar estas Rid' propraĵo de Ia hom'!

Lia rido estingiĝis Ia l4-an de majo 1973

G. Ledon

# Miaŭoj el foraj tempoj

*James Rezende Piton*
*Campinas-SP*

La vorton **kabareto**, kiun NPIV difinas “Trinkejo aŭ vesperkunvenejo, kie poetoj k kanzonistoj prezentas siajn propranj verkojn; humura literatura kunveno”, preskaŭ ĉiu esperanto-parolanto konas. Tion oni ŝuldas al la du famaj ekzemploj cetere cititaj en tiu vortaro: *la ~o de la Verda Kato, de la Tri Koboldoj*. Kaj tiujn du oni ŝuldas al la sama homo: **Raymond Schwartz** (8.Apr.1894 — 14.Maj.1973).

La alzacano, kiu poste fariĝis bankdirektoro (!) en Parizo, gvidis *La Verdan Katon* inter 1920 kaj 1926 [v. bildojn]. Inter la pluraj libroj de Schwartz, la unua publikigita estas «Verdkata Testamento», kiu donas al ni ekzemplon pri la tono, kiun jam havis la «terura infano» de nia movado [v. apude].

Post la dua mondmilito, Schwartz restarigis la kutimon de kabareto per *La Tri Koboldoj* (1949-1956), pri kiu iam prelegis al ni en EASP Gilbert Ledon, mem spertinta ĝin dum certa periodo de sia pariza vivo. Pri tiu raporto kaj pri la vivo de Schwartz mem vi povos legi en mia hejmpaĝo

http://go.to/kabareto

**Legi, Skribi kaj Kalkuli**

Kial en lernejo peni
Dum junecon oni ĝuas?
ĉion ĝuste ekkompreni
Nin la vivo mem instruas.

En okuloj de knabino
— Kiam vin pasio regas —
La respondon de inklino
Eĉ senlerne tuj vi... legas!

Kaj promese, poreterne,
Per kisego sur veluron
De la lipoj, eĉ senlerne
Vi... subskribas aman ĵuron!

Kiel edz’, sen embaraso,
Nekonante nur formulon
De l’ matematika klaso:
Vi jam lernos la... kalkulon!




**Poŝtkarto kun reklamo pri “La Verda Kato - amika rondo esperantista” en Parizo.** [kolekto J. R. Piton]



Poŝtkarto el la 1920-aj jaroj kun foto de aktoroj de la esperantista kabareto “Verda Kato”. Per sago ni signis la edzinon de Schwartz, Marga Rineta. [kolekto J. R. Piton]

# Vinilkosmo alvokas

Estimataj muzikŝatantoj

La longaj silentoj ŝajnas esti unu el la neeviteblaj elementoj de la eta esperanto-muzika mondo, kiu ankoraŭ provas trovi sian agnoskiĝon kaj famecon, sed se tio estas la postulo por salti pli antaŭen, ne gravas iom atendi.

Krom la reveno de artistoj kiuj ŝajne malaperis el la muzikaj rondoj, temas pri apero de du muzikĝenroj ĝis nun ne eldonitaj en nia katalogo. Ili alvenas ĝustatempe por festi la revenon de la suno kaj de la hirundoj ĉi tie en suda Eŭropo ;-)

Ĝis nun la espokultura datenbazo (nun nur Artista datenbazo) ne estis tre ofte vizitata kaj jam ankoraŭ ne multaj artistoj aliĝis. Ni petas al ĉiuj artistoj, bandoj , organizantoj, kulturaj aktivuloj, asocioj kaj kluboj enskribiĝi en ĝin por rapide evoluigi tiun gravan ilon cele al efika utiligado; diskonigu ĝin amplekse. Nepre aliĝu ĉe:
http://artista.ikso.net/db/montri.php
por ke ĝi fariĝu unu el la plej gravaj iloj por kulturaj interŝanĝoj en Esperantio. Nia kompleta katalogo ĉe :
http://www.vinilkosmo.com
bonan esploradon !

# Esp-o: Olimpika lingvo

TORINO 2006

Prezidantoj de UEA, Itala Esperanto Federacio kaj Torina Esperanto-Centro skribis dum la pasintaj semajnoj leteron proponante, interalie la utiligon de esperanto kiel oficiala lingvo por la vintraj olimpikaj ludoj kiuj okazos en Torino en jaro 2006.

La letero estis sendita al ĉefaj politikaj instancoj kiuj nuntempe kunordigas la organizadon de la ludoj.

La propono baziĝas sur la konsidero ke la valoroj de paco, frateco kaj solidareco inter popoloj estas komuna grundo inter Olimpikaj Ludoj kaj Esperanto Movado.

Krom la propono akcepti esperanton inter la oficialaj lingvoj de la Olimpiakaj Ludoj, esperanto-movado starigis aliajn projektojn koncernantajn la produktadon de informmaterialo pri Torino kaj regiono Piemonte, tradukado en esperanto de la ttt- paĝoj de la Vintraj Ludoj, ktp.

Dum la venontaj tagoj komenciĝos la lobiumado necesa por atingi konkretajn rezultojn.

---

# La prezo

*Nekonata aŭtoro*

Foje, iu bubo alproksimiĝis al sia patrino, kiu estis preparanta la manĝaĵon kaj trandonis al ŝi paperon sur kiu estis skribite: “Por helpi en la ĝardeno £ 3,00; por purigi mian ĉambron, £ 1,00; por aĉeti panon, anstataŭ Vi, £ 2,00; por prizorgi la frateton, £ 2,00; por gajni bonajn notojn en la lernejo, £ 5,00; por balai la korton. £ 2,00; por prizorgi la rubaĵujon £ 1,00. La tuta ŝuldo Via estas £ 16,00”.

La patrino alrigardis la filon, kiu senpacience atendis la pagon, ŝi prenis la paperon kaj per grandaj literoj skribis: por porti vin en mia ventro dum naŭ monatoj, kaj doni al vi la vivon — neniom, por noktoj ne dormataj, neniom kaj por miaj larmoj por vi, neniom, pro timoj, prizorgoj kaj preĝoj por vi, neniom, por nutraĵoj, ludiloj kaj vestoj, neniom kaj por mia tuta amo, neniom. La infano tralegis la vortojn de la patrino kaj alrigardis ŝin kun larmoj en la okuloj kaj diris: “Mi amas vin Patrino!”. Prenis la skribilon kaj per grandaj literoj skribis: “Ĉio estas jam pagita”.

# Leme Bonvenigas vin!

**Novembre**









# 25a Esperanta Renkontiĝo de Ŝtato San-Paŭlo







ILEI estas la tutmonda Ligo, kiu (ekde 1986) prizorgas la taskojn de UEA (Universala Esperanto-Asocio) rilate al 2 gravegaj kampoj: Edukado kaj Instruado – kaj mem havas oficialajn operaciajn rilatojn kun UNESKO, de la sistemo de Unuiĝintaj Nacioj (UN-o).

Apartenu al la mondskala movado de tiuj, kiuj apogas la instruadon kaj disvastigadon de Esperanto!

ILEI-BR (Brazila Sekcio de ILEI) estas, do, por ĉiu konscia Esperantisto!

**Nepre aliĝu al ILEI por la jaro 2004**
**kontraŭ nur R$ 30 Jare !!!**

Krome, vi ankaŭ ricevos:
- Tutjaran abonon de IPR (Internacia Pedagogia Revuo) - 4 n-roj
- Abonon de Bulteno de ILEI-BR - 4 n-roj

[illegible]
[illegible]
[illegible]
[illegible]
[illegible]